*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 02/05/2019 Kvarcentdudekkvara eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

***Uzindaj ligoj*** *reta-vortaro* *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* *Duolingo* *Google Translate* *Pasintaj AE eldonoj* *duolingo entute* *lingvohelpilo* *Esperanta Retradio* *Esperanta himno* *PMEGramatiko* *openclipart.*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute 812,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **330,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **305,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **186,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".





**N.ro.66 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)**






Dum P.A.G. nomas "Ec-Propozicio" la kombinaĵon de Verbo kun kvalifika adjektivo aŭ Substantivo, la "Subjekta Predikativo", ĉar ĝi kvalifikas, per verbo kun predikativo, la Subjekton, ĝi ne nomas Ec-Propozicio la kombinaĵon de verbo kun adjektivo aŭ substantivo esprimantan la kvaliton de la Gramatika Objekto, kvankam la ago estas la sama sed ne la kvalifikato. Dum en "La sinjorino ESTAS ĈARMA" la predikato kvalifikas la Subjekton, en "Mi TROVAS la sinjorinon ĈARMA" la Predikato, "trovas ĉarma" , kvalifikas la Objekton, kvankam en ambaŭ kazoj temas pri kvalifikado ante al substantiva/adjektiva parto de la predikato. Tial mi nomas ambaŭ "predikativa predikato", sed unu "subjekta predikativo" kaj la duan "objekta predikativo".

Dum la subjektan predikaton oni ofte kombinas, kiel en "Ĝi trankvilas" el "Ĝi estas trankvila", oni ne ofte kombinas la Objektan Predikaton, kiel en "Ni JUĜAS lin KULPA" al "Ni KULPJUĜAS lin". Aliflanke ni havas elsufiksan verbon, "igi", kiu maldetale faras la samon: "Ni KULPIGAS lin". Sed la predikativa formo estas pli preciza, komparu "Ni petis lin retroveni" kun "Ni retrovenigis lin".

*Marcel Leereveld*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# La Manlia Esperanto-Klubo





Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 4a de majo estos la unua sabato.



Unu taso da klubpagata kafo atendas vin . *Roger S.*

## ★★ Pri Eunice Graham ★★

Kia bela vetero dum Pasko! Sidi en la ĝardeno kaj legi tre amuzan romanon "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha" vere plaĉas al mi. Tiun libron donacis al ni Eunice Graham antau multaj jaroj.

En la naŭdekaj jaroj mi unue renkontis Eunice. La Manlia Klubo iris al Redferno por Zamenhof Tago kaj dum la pramŝipado ŝi demandis per simplaj kaj bonvenaj frazoj ĉu mi ŝatas ĝardenumi, kiajn florojn mi kreskigas ktp. En la sekvantaj jaroj ŝi kuraĝigis min, kontrolis erarojn __ plejparte prononcado__ kaj konsilis ke se oni ne memoras aŭ scias vorton, oni uzi alian por klarigi.



Tre forta, vigla, agadema en Esperantujo je la komenco (1960s) ĝis la fino, eĉ la lastaj kelkaj jaroj malfacilis por ŝi.

Tamen kun la helpo de John Casey, Eunice daŭre partoprenis sabate ĉe Manlio. Dankon tre kara samideano por via amikeco kaj kontribuo. Vi mankas al ni. *Chris Holliss*



# Multe da kulturado en mia ĝardeno.



## ĈU KULTURUMI EN ESPERANTO ?

Mi admiras la persvadan sukceson kroatan pri la akcepto de la ideo de kulturo en Esperanto, sed samtempe trovas tiun ideon naiva kaj negrava. Mi opinias, ke oni troigas ĝin.

Mi ne neas, ke oni povas nomi kulturo la originalan literaturon de Esperanto, kaj mi certas ke la nuntempaj Esperantaj kantoj originalaj estas peco de kulturo. Sed la kulturo de popolo enhavas multe pli da aspektoj, kiel artistoj kaj festoj kaj kredoj. Kaj speciale la fakton, ke kulturo apartenas al lando kaj al ĝia popolo.

Kaj alia demando estas, ĉu estas utila ke Esperanto havu sian kulturon? Ĉu U.E.A. ne penis konvinki la Eŭropan Union akcepti kiel tuteŭropan superlingvon la neŭtralan Esperanton, anstataŭ la neneŭtrala angla lingvo? Nu, ĉu U.E.A. fanfaronu ĉe la Eŭropuniaj aktivuloj pri la fakto, ke ni havas nian propran kulturon? Se jes, tiam mi atendas ke ili retroargumentos, ke tion ili ne volas, ĉar unu el la tialoj ke ili preferus Esperanton al la angla, aŭ alia nacia lingvo, estas ĝuste ke ĝi ne havas kulturon dum la angla lingvo alportas kaj plenigas la reston de Eŭropo per sia kulturo, tiel ke la valoraj eŭroplandaj kulturoj iompostiome malaperos. Kaj laŭ mi ili pravas opinii tion, ĉar tio kion Eŭropo bezonas estas internacia lingvo kiu ne malplivalorigas la naciajn kulturojn. Alivorte, ke senkultura Esperanto

traduku la kulturon kaj la ideojn de unu eŭropa popolo al la kulturo kaj ideoj de alia eŭropa popolo. Same kiel al la aritmetika sistemo mankas KAJ kulturo KAJ ŝanĝiĝado por servi nin fideble.

Eŭropo bezonas interkomunikilon kiu pliprecizigas la simplan tradukadon, ĉar la kulturaĵoj kutime esprimiĝas per figuraj lingvaĵoj, kaj tiuj ofte ne samas en la diversaj lingvoj. Oni do unue devas fortraduki la plurajn figurajn lingvaĵojn al neŭtrala lingvo sen kulturaj metaforoj, kaj post tio aldoni la kulturaĵojn de la cellingvo. Estas la Esperanta spertulo pri la origina lingvo, kiu kapablas ŝanĝi siajn lingvaĵojn al la senkultura lingvo Esperanto, kaj la Esperanta spertulo pri la cellingvo, kiu kapablos ŝanĝi la senkulturan Esperantan version al la kultura versio de tiu cellingvo.

Certe, ni daŭrigu krei tipe Esperantajn kantojn kaj alian literaturon, sed ne kun la celo uzi tion en nia precipa tasko paceme interrilatigi la diversajn popolojn de nia mondo.

*Marcel Leereveld.*

## BARBARISMO EN POPOLOJ.

La Karmanjolo, kanto kaj danco dum la Franca Revolucio, kiu finiĝas per la vortoj "Dancu ni la Karmanjolon, Vivu la son' de la kanon'", kiun mi ŝanĝis, pro Zamenhof, al "Vivu la son' del' plejbon'; Vivu Majstral' geni" (Vivu la sono de la plejbono (= la verbsistemo de Z.); Vivu la genio de la Majstro).

Tiu kanto memorigas: En militoj unu popolo militas kontraŭ alia popolo, kaj oni povas iomete kompreni ke dum tio la homoj de unu popolo mortigas la homojn de la alia popolo, ĉar ili pensas, pro siaj registaroj, ke la alia popolo deziras mortigi ilin.

Sed ke unu parto de popolo volas ekstermi alian parton de sia propra popolo, ŝajnas al mi pura barbarismo de la popolanoj. Oni tiel mortigas centojn da miloj da sampopolanoj. Ĉu estas pli barbarismaj popoloj ol la francoj de la Franca Revolucio aŭ ol la indonezianoj antaŭ duona jarcento murdantaj naŭcentmil? Ne militistoj, sed ordinaraj popolanoj grandskale murdantaj sian propran popolon? Civitanoj, ne militistoj!

*Marcel Leereveld.*

## KREADO ANTE AL NOVAJ VORTOJ .

Malgraŭ mia ofta mencio ke Esperanto estas "aglutina lingvo", kiel , kaj eĉ pli ol, la ĝermanaj lingvoj, ne pensu ke ne ekzistas en Esperanto, kaj en la aliaj aglutinaj lingvoj, neaglutinaj manieroj por krei vortojn per vortkunmetado. La plej populara tia en Esperanto estas la kunfando de prepozicio kun sia determinata substantivo por fari adverbon aŭ adjektivon. Ekzemple "En la lando -e" fariĝas "enlande" kaj post tio "enlanda" . Certe ne "enlando" aŭ "enlandi". Mankas la aglutinaj reguloj ke la ĉefelemento troviĝas laste (ĉi tie "en") kaj ke la flankelemento (ĉi tie :lando") originas en prepozitivo. ("lando" ĉi tie simple estas substantivo, ĉar la prepozicio estas jam la flankelemento). Krome la tria elemento de tia kunmetaĵo estas la adverbigo de la tuto.

En la frua historio de la jam aglutinaj ĝermanaj lingvoj ekzistis sama vortpluformado, nome per kreado, per la finaĵo "*s*" , de adverbo el la kungluado de prepozicio kun substantivo, kiel la germanaj "*übernachts*" kaj "*unterwegs*". Tiuj lingvoj kreis sufiĉe multe da ili, kaj la

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

plejparto plu uzatas, kvankam ofte sen la adverba finaĵo "*-s*", sed plu kungluitaj ĝis unu vorto, eĉ en la angla, ekz. "*overseas*" kaj "*underway*". Aŭtomate tiuj lingvoj, kaj Esperanto, uzas tiujn vortkunmetaĵojn ankaŭ kiel adjektivojn, eĉ pli nun. Estas interesa, sed ne malbona, ke la Esperantistoj tre ŝatas uzi ĉi tiun kunmetaĵon, kvankam ili tute ne bezonatas ĉar oni facile povas diri "ekster la lando kaj trans la maro kaj en la lando". Sed en Esperanto, kun sia riĉa nuancado de vortsignifoj, ĉiam ekzistas nuanca signifodiferenco, inter ekz. "sur la vojo" kaj "survoje" kaj inter "trans la monto" kaj "transmonte". Estas bedaŭrinda, ke niaj Esperanto-instruistoj ne sufiĉe klarigas al siaj lernantoj tiun multegan nuancoriĉecon en la signifoj.

La aliaj neaglutinaj vortkunmetaĵoj en Esperanto estas multe malpli, kaj enhavas la du specojn de numeralkunmeto, "tridek" kaj "dek tri", kiu lasta devus skribati "dek-tri" ĉar ĝi signifas "dek plus tri", same kiel "sekretario-kasisto" signifas sekretario plus kasisto kaj kiel "pli-malpli" signifas pli aŭ malpli.

Alia neaglutina vortkunmetado estas de substantivo kun sia adjektivo NUR por fari adjektivojn (ruĝroza, NE *ruĝrozo!), kaj de verbo kun sia adverbo NUR por fari adverbojn (fruvekiĝe, NE fruvekiĝi), kaj de verbo kun sia gramatika objekto NUR por fari adverbojn aŭ adjektivojn (fiŝmanĝa (birdo), NE *fiŝmanĝi").

*Marcel Leereveld*.

## MALPLI DA MURDOJ .

Kara Roger! Bonestu klarigi al mi cian aserton, ke kvinjara daŭrigebla geedziĝo kreus ekonomiajn problemojn. Mia geedziĝo daŭris pli ol sepdek jarojn, kaj dum tiu tempo ni havis bankokontojn en mia nomo, en tiu de mia edzino, kaj en ambaŭ nomoj. En ĉiuj tri kazoj la kontoj restus la samaj post kvin jaroj, se ni AŬ daŭrigus la geedziĝon AŬ ne. Tio estus la sama por nia domo kaj aliaj posedoj, en kiu ajn nomo ili estus; nenio ŝanĝiĝus post eksedziĝo. Kaj oni ankaŭ rajtus, se oni volus, ŝanĝi la nomon de la kontoj post kvin aŭ dek aŭ dek-kvin jaroj. Mi ne vidas problemojn tie, sed se ci vidas, bonestu klarigi al mi tiun problemon, kaj kiel solvi ĝin se ci scias.

Pri la infanoj: Kompreneble multaj geedzoj restas kune ankaŭ por la infanoj, kelkaj eĉ nur pro la infanoj. Sed mi trovas utila, pro la neceso kvinjare daŭrigi la geedziĝon, ke tiel la infanoj sciu kaj komprenu ke geedziĝo ne bezonas esti eterna, kaj ke rompiĝo povas okazi al iu ajn geedziĝo. En la kazoj kiam rompiĝo okazus ĉiusisteme, ĉu nun aŭ ĉu en mia propono, la scio de ebleco estos malpli terura por ili ol nun, kiam ankaŭ ili ja pensas ke geedziĝo, do kuneco de la gepatroj, ne estas certa. En ambaŭ sistemoj KAJ la gepatroj KAJ la gefiloj penos sukcesigi la kuneston plu, almenaŭ por aliaj kvin jaroj.

Mia sistemo ne estas por faciligi la eksedziĝon, sed nur por sentigi ke eksedziĝo ne estas morala devo sed devas esti estimata. Ekzemple en mia lernejinstruado deksesjara knabo plendegis al mi, ke lia vivo mizeras pro la daŭra batalado inter liaj gepatroj, kaj ke tial li esperis ke liaj gepatroj eksedziĝu. Kaj aliaj knaboj plendegis, ke ĉar iliaj gepatroj malkuniĝis, ili suferis pro tio ke tiu malkuniĝo estas juĝata kiel malbonaj gepatroj kaj ke ili do havas malbonajn gepatrojn, aŭ nur patron aŭ nur patrinon. Tio ne okazus en mia sistemo de kvinjara daŭrigebla geedziĝo.

*Marcel Leereveld*.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***



# Geedziĝo estas ekonomia kontrakto. (2)



La elspezoj de geedza paro ne egalas la elspezojn de du apartaj homoj. Do ili povus per la diferenco aĉeti domon en kiu ili kune vivas. Kutime la domo estas la plej granda parto de ilia riĉaĵo kaj estas malfacile dividi en du uzeblajn partojn.

**La malamo ne preventas ke la geedza paro vivu aparte, nur la ekonomia stituacio.**

Ĉu murdo solvus tiun problemon?

**Tio eble ne estus la solvo por la riĉeguloj,(mono ne gravas), la malriĉeguloj (Ne havas monon por perdi), la kompatinduloj,(Ne kapabas murdi), sed ne ĉiuj estas tiaj.** *Roger Springer*

# Arkiva laboro

Inter la 24-a kaj la 26-a de aprilo *Sandor Horvath*



Jonathan, Sandor, Franciska, Heather, kaj Terry pasigis multajn horojn en Esperanto Domo. Ankaŭ Alan Turvey helpis dum unu tago, Ni komencis ordigi librojn, ni skanis proks 800 fotojn kaj multe diskutis kiel aranĝi niajn librojn, ĵurnalojn kaj aliajn aĵojn. Ni esperas ke vi baldaŭ povas vidi kelkajn rezultojn sur nia retejo.

Kompreneble, restas multe pli por fari.

Se vi volas/povas/ŝatas helpi nin .... bv kontakti nin.

Jonathan ankaŭ gvidis nin tra la artgalerio de NSK. Vidu sube.



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Fotolbumojn de Eunice

Sabaton, la 27-an de aprilo 2019 matene Roger renkontis Franciska, Terry kaj Sandor en Manlio.
Roger transdonis kelkajn fotolbumojn de Eunice al AEA.
Ni intencas skani la fotojn ... kaj kun la helpo de aliaj - eltrovi la identecon de multaj homoj sur la bildoj.
Amike,
*Sandor Horvath*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au



Jaŭdon, la 25-an de aprilo 2019 Heather, Sandor, Franciska, Danni kaj Terry renkontis Danni Kane en Epping en Sidnejo. Dani estis pli aŭ malpli kiel mi memoris lin....inter alie, ni .... do ĉefe li .... diskutis la geedziĝmerkaton en Ĉinio kaj Aŭstralio.

Se vi interesiĝas, kontaktu lin.... *Sandor Horvath*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Azia Oceana Kongreso 2019

Sendis *Sandor Horvath*




*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au



## El mesaĝo de Jennifer Bishop el Kambridĝo al Sandor:



> > Intertempe ĝojigas min scii ke vi daŭre laboras por Esperanto en Aŭstralio kaj en januaro 2020 povos refoje prezenti Somerkursaron, sed ĉifoje kune kun samideanoj en Aŭklando, NZ. Tiel mi deziras al vi persone ĉion bonan kaj kune kun Alan sendas amikajn samideanajn salutojn al ĉiuj membroj de AEA kaj al la membroj de via komunumo.

Sendis *Sandor Horvath*



## Gazetaraj Komunikoj de UEA



En la paska sabato, la 20-an de aprilo 2019, okazis la 50-a Malferma Tago en la Centra Oficejo de UEA en Roterdamo.

Tiuj, kiuj ne ĉeestis la aranĝon, povos spekti grandan parton de la enhavo per videoj. Jen la listo de programeroj kun ligiloj:

Ionel Oneţ (libroservisto), prezento de la libroservaj novaĵoj (video).
Dmitrij Ŝevĉenko kaj Anna Striganova (redaktoroj de la Revuo Esperanto): "Reta Revuo Esperanto: kio ĝi estas?" (video);

Manuela Burghelea (volontulo de TEJO): “Tutmondaj voĉoj: civitana amaskomunikilo en pli ol 40 lingvoj” (video);

Trezoro Huang Yinbao (estrarano de UEA, ĉefredaktoro de Unesko-Kuriero en Esperanto): “Disvastigo de idealoj kaj valoroj de Unesko per Esperanto” (video bedaŭrinde ne disponebla pro neantaŭviditaj teknikaj problemoj)

Katalin Kováts (Edukado.net): "Kiel evoluigi niajn lingvokapablojn? - Metodikaj konsiloj eĉ por fluparolantoj" (video)

Stefan MacGill (Vicprezidanto de UEA): "Radikoj de la Volontula Servo kaj teknologio en la Centra Oficejo" (video);

Mark Fettes (Prezidanto de UEA) - Prelego “Esenco kaj estonteco: La signifoj de Esperanto kaj UEA por la nuntempa mondo” (video).

Informis AE *Katja Steele*



## La vivo estas Neelirebla Cirklo

Ni, erare nomataj homoj, kvankam nur en formo de homoj, devas nun komenci plibonigi nin. Tro longan tempon ni amuzas nin kiel bestoj en homaj formoj. Mi ne scias precize kiel ni komencis, sed se ekzistas pli malaltaj formoj ol tiuj de la formikoj, tiam ni do komencis nian ekzistadon sur tiu ĉi planedo kiel tiuj.

La celo de tiu nia longa ŝanĝiĝo estas kompreneble, ke ni devas fine aperi kiel perfektaj homoj. Tamen, tio ne estos la fino, sed espereble la fino de nia vivado sur tiu ĉi Tero. Ni estas supozataj vivi kaj lerni ion dum nia vivado kaj laborado ĉi tie. Ofte ni suferas, sed nur se ni tion meritas. Neniu saĝulo iam diris al ni, ke ni devas esti kruelaj al la aliaj estuloj, kun kiuj ni dividas nian vivon ĉi tie.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Estas ege malfacile esti perfekta, kaj neniu supozas ke ni estas tiaj. Sed ni estas ĉi tie por ekzerci nin fariĝi perfektaj. Ne eblas tute evitadi mortigadon kaj murdadon, kvankam neniu el ni rajtas fari tion. En la komenco neniu el ni estis perfektaj, kaj se iu el ni ankoraŭ vivas sur la Tero, li, aŭ ŝi, ankoraŭ ne estas perfekta. Nia devo estas simple ke ni devas provi perfektiĝi, kaj tio kiom eble plej baldaŭ.

Mi ne scias la nomon de ĉiu krimo farata de iu aŭ alia homo la tutan tempon. Sed estas multaj, kaj unu el la plej gravaj estas sendube la murdado de aliaj homoj. Sed bedaŭrinde tro multaj homoj troege ŝatas fari tion. Eble ĉar ili en antaŭaj enkarniĝoj estis rabobestoj, kaj necesis al ili mortigi aliajn bestojn por vivteni sin.

Sed nun ili ne plu estas rabobestoj, kvankam ili ja konsideras sin tiaj. Plej multaj el ili apartenas al la plej riĉegaj kaj influriĉaj homoj de la socio. Ekz. reĝaj familioj, riĉeguloj, kiuj ne mem bezonas labori ktp. tro ofte eliras sur la dorsoj de ĉevaloj, kaj mortigadas ĉion, kio moviĝas en niaj belegaj arbaroj. Patrino devas morti kaj ankaŭ ŝiaj beboj devas morti, ĉar neniu restas por manĝigi ilin. La mortigintoj ne sentas konsciencriproĉon, ĉar rabobestoj tute ne scias, kio tio estas. Ofte daŭras multaj enkarniĝoj antaŭ ol ili lernos tion. Sed ili lernos, ni ĉiuj devas ja lerni tion, ĉu ne? Se ne, ni devos reveni al la nivelo de la formikoj, kaj relerni la unuajn lecionojn! Post kiam vi lernis ĉion kiel formiko, vi povos ja daŭrigi la lernadon de la dua leciono, kiu eble estos la leciono de la abeloj. Kaj tiel plu, iom post iom oni lernas, eĉ lernadas!

Mi legis en unu el la plej popularaj libroj de la mondo, nome la Sankta Biblio, ke iam estis homo, kaj Li estis homo, neniu dubo pri tio, kiu oferis sin mem por la erarinta kaj eraranta homaro. Iliaj krimoj estis tiom teruraj, ke estiĝus tro multe da formikoj sur la Tero, se nenio estus ŝanĝita. Kaj tial aperis, sur la Tero, tiu tute perfekta homo por savi la homaron. Ni najlis Lin sur lignaĵon, fakte krucon, torturis kaj fine mortigis Lin. Tiaj estis la t.n. homoj en tiuj tempoj.

Sed estis inter ili kelkaj amokapablaj homoj, kiuj bone, eĉ bonege komprenis, ke tiel ne agas perfektaj homoj. Perfektaj homoj tute ne mortigas. Ili mortigas ne homojn, nek bestojn, kaj ankaŭ ne plantojn. En ĉiuj homoj, bestoj kaj plantoj vivas spirito. Ne estas iu speco de spirito en la homa korpo, nek alia en tiu de la bestoj, nek en tiu de la plantoj. Estas la sama speco de spirito en ĉiuj vivantoj sur la Tero. Por manĝi oni ja bezonas, almenaŭ laŭ la opinio de la pli primitivaj homoj, mortigi aliajn korpojn por manĝi ilin. Tio tuj liberigas ties spiriton, kiu do tuj finas siajn studojn sur la Tero. Kelkaj, bedaŭrinde nur la plej malmultaj el ni homoj, elektas la manĝadon de la plantoj. Sed, ankaŭ en la plantoj loĝas ja po unu spirito, tute same kiel tiu, kiu staras kaj mortigas ĝin. Kion oni povas fari? Ŝajnas ke nenio fareblas. El du malbonoj oni elektas la pli bonan, ĉu ne? En pli posta reenkarniĝo oni esperebIe troviĝos sur tute alia kaj multe pli bona planedo, kie, por la nutrado de la spirita korpo sufiĉas la bonodoro de la multegaj floroj diverskoloraj!

La plej multaj t.n. homoj estas, laŭ mia opinio, kontraŭ murdado, sed bedaŭrinde restas ankoraŭ iuj, kiuj ne scias ion pli bonan. La plej multaj el ili fariĝas krimuloj, sed la iomete pli inteligentaj el ili, akiras altajn postenojn en la socio. Tie ili povas sidi kaj fari nenion. Ĉar ili bedaŭrinde suferas pro tiu emo estingi la homan rason, ili faras ĉion eblan por estigi militon. Ilia kaŭzo por tio ofte estas ke se iu alia nacio parolas alian lingvon ol ilia, ili tutcerte meritas la

Morton. Sed ofte troviĝas ja oleo aŭ io simila amata de la krimuloj. Tiam ili kreas militon por prirabi la viktiman landon. Post la milito ili eliras sur la balkonon de sia palaco kun grandega glaso da alkoholaĵo en la mano, faras stultan paroladon pri tio, ke ili venkis la militon ktp. dum la tro multaj kaj senkulpaj junuloj, nuntempe ankaŭ junulinoj, kiuj kredis ke milito estas io honorinda, kuŝas mortintaj en siaj tomboj. Fakte kuŝas nur malplenaj korpoj en tiuj tomboj!

Nu, se tiu justulo, la sola vera homo, povus oferi Sin mem por savi la homaron, kion povas tiuj el ni, kiuj havas almenaŭ iom da konscienco kaj amo al la homaro, fari por ke ne plu okazu tiu terura kaj malfacile pardonebla krimo? Mi proponas, ke ni faru tion saman, kion faris la junaj membroj de la “Atestantoj de Jehovo” en Germanujo. Kiam Hitler deziregis konkeri la mondon, preskaŭ ĉiuj “Atestantoj de Jehovo” rifuzis sekvi la ordonojn de la frenezulo. Kion faris la frenezulo? Li starigis ilin en longa vico, ordonis al ili, ke ili fosu longan truon en la tero. Kiam tio estis farita, la hitleranoj pafmortigis la pacamajn Atestantojn de Jehovo, kies senspiritaj korpoj tuj falis en la fosaĵon, kaj mi ne scias, kiu kovris ilin per la tero. Tutcerte ne Hitler!

Ĉu iuj el ni kuraĝus agi tiel kiam niaj “gvidantoj” baldaŭ volos novan, konstantan kaj tutmondan militon? *Bob Felby*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**3zzz** Ĉu la prezidentoj de Koreŭjo preferas vojaĝi per trajno por ne polui la atmosferon? Vi trovos la respondon en la elsendo de la 29a de aprilo 2019. Aŭdeblas ankaŭ intervjuo de Amato pri kurado .

Amike, *Franciska Toubale*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***